13-a jaro. — N-ro 3-4 (145-146) MARTO-APRILO 1927.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj : L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF, J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro :

FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11

ANTVERPENO

Konstantaj kunlaborantoj : M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, F-ino J. VAN BOCKEL, J. VAN SCHOOR, H. VERMUYTEN.

Por la anoncoj oni sin turnu al :

H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.



JARA ABONPREZO : Fr. 12,50

EKSTERLANDE : Belgoj 4.—

ANTVERPENO

1927

13a JARO N-ro 3-4 (145-146) MARTO-APRILO 1927.

# BELGA ESPERANTISTO

MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*

Redakcia parto:
FRANS SCHOOFS
11, Kleine Hondstraat, Antwerpen
Telefono 543 74

Abonoj kaj Monsendoj
FERN. MATHIEUX
94, Avenue Bel-Air, Uccle
Poŝtĉeko No 39984.

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*

**BELGA LIGO ESPERANTISTA.**

## XVIa BELGA ESPERANTO-KONGRESO

**MONS. — 4an, 5an, 6an de Junio 1927 (Pentekosto).**

Estimata Samidean(in)o.

Ni havas la honoron sciigi al vi, ke la XVIa Belga Esperanto-Kongreso okazos en Mons la 4an, 5an kaj 6an de Junio venonta.

Mons estas beleta urbo lokita meze de industria regiono: ĝia enloĝantaro estas famkonata pro sia gastema kaj bonhumora karaktero: la kongresanoj povas do esti certaj, ricevi plej afablan akcepton.

La urbestraro montris sin tre favora al nia movado; ĝi akceptos oficiale la kongreson en sia bela urbdomo kaj metos je nia dispono ĉiujn necesajn kunvenejojn.

Sed, la elekto de Mons kiel rendevuo de nia ĉiujara ĝenerala kunveno havas praktikan propagandan celon. Ni nepre devas, dum la kongreso mem, starigi grupon en la ĉefurbo de la provinco Hainaut, kie ĝis nun nia Ligo ne havas filion.

Ni do tutkore invitas niajn geliganojn, iri al Mons por disĵeti la bonan semon kaj montri per multnombra ĉeestantaro, ke nia afero vivas kaj prosperas!

Post la kongresaj laboraj tre alloga ekskurso okazos al Beloeil, kie oni vizitos la belegajn parkon kaj kastelon de la Princo de Ligne, la plej belaj el nia lando.

Por faciligi la laboron de la Ligestraro, kiu prenis sur sin la organizadon de la kongreso, ni insiste petas, ke oni aliĝu senprokraste; ke la grupestroj kolektu la aliĝojn kaj bonvolu tuj sendi ilin al la Liga Sekretariejo: St-Lievenslaan, 60, Boulevard St. Liévin, Gento, kiu volonte donos ĉiujn necesajn informojn.

Kalkulante je la bonvola kunhelpo de ĉiuj por sukcesigi nian ĉiujaran feston, ni prezentas al vi, kara Samidean(in)o, la esprimon de niaj plej sindonemaj sentoj.

**Je l'nomo de la Ligestraro:**

La Generala Sekretario, La Prezidanto,
HENRI PETIAU. A. J. WITTERYCK.

## PROVIZORA PROGRAMO DE LA KONGRESO.

Sabaton 4an de junio 1927:

17a h. Malfermo de la akceptejo.
19a h. Intima kunveno.
20a h. Publika propaganda parolado kun lumbildoj.
21 1/2a h. Ĝenerala labora kunsido, dum kiu ĉiu samideano havos la okazon prezenti siajn proponojn kaj rimarkojn pri nia agado.

Dimanĉon 5an de junio 1927:

9 1/2 h. Kunveno de la kongresanoj en la akceptejo.
10 h. Oficiala akcepto en la urbdomo.
10 1/2 h. Ĝenerala kunsido de «Belga Ligo Esperantista».
13 h. Fotografado de la gekongresanoj.
13 1/2 h. Festeno.
17 h. Vizito de la urbo.
20 h. Arta festo kun balo.

* * *

**Lundon 6an de junio 1927:**

### EKSKURSO AL BELOEIL.

N. B. — La Kongreskarto kostas Fr. 10.— inkluzive la enirprezon en la parko de Beloeil.

La festeno kostas 22.50 Fr. inkluzive 1/4 botelo de blanka kaj 1/4 botelo da ruĝa vino.

LOĜADO. — Oni povas rezervigi al si ĉambrojn po Fr. 8.—, 10.—, 12.—, 15.—, 20.—, k.c. por ĉiu persono. Kelkaj hoteloj faras rabaton por du personoj kune dormantaj en la sama lito.

GRAVA AVIZO. — Ĉar dum Pentekosto okazos diversaj gravaj kongresoj en Mons, kie ne ekzistas multaj hoteloj, estas nepre necese, ke oni tuj rezervigu al si la necesajn ĉambrojn. La organizantoj ne povas garantii loĝadon al la personoj kiuj mendos tro malfrue. Ne prokrastu do, mendu tuj!

Oni pagu al la ĉekkonto No 1337.67 de Belga Ligo Esperantista.

Por eviti senutilajn kostojn, ni ne intencas dissendi apartajn aliĝilojn; ni do ĝentile insistas, ke la grupoj senprokraste kolektu la aliĝojn de siaj membroj kaj sendu ilin al ni kiel eble plej baldaŭ.

FERVOJA RABATO. — Ni havas la grandan plezuron informi niajn membrojn, ke ni sukcesis akiri **rabaton de 35 %** je la ordinara prezo de la vojaĝbiletoj **por ĉiuj kongresanoj individue.** Ĉiu kongresano, kiu aliĝos sufiĉe frue, ricevos de rajtigan karton por aĉeti rabate sian vojaĝbileton, ĉu de sia loko al Mons kaj revene; ĉu de sia loko al Mons, de Mons al Beloeil, kie okazos ekskurso, kaj de Beloeil al sia loko.Estas do nepre necese **antaŭe sciigi, ĉu oni partoprenos la ekskurson,** por ricevi la taŭgan vojaĝkarton.

Jen ĝojiga novaĵo, kiu certe incitos multajn iri al Mons ĉeesti nian feston.

ANTAŬ LA LAŬTPAROLILO.

# ESPERANTO KAJ RADIO-PROGRAMO

De preskaŭ du semajnoj ni estas «radio-amatoroj». Mia malfeliĉa blinda edzo esperis, ke radiofonia aparato havigos al li distraĵon en lia kvazaŭtomba vivo de daŭra mallumo kaj, ofte, de silento. Post kelka hezitado — la ludilo ja estas iom multekosta — ni instaligis aparaton, kaj, je mardo de la pasinta semajno, ĝi ekfunkciadis. Bedaŭrinde ĝi ne havigis al mia kompatindulo la atenditan ĝojon. La parolatajn vortojn li ne povas distingi aŭ kompreni, kaj la kaplaciga martelado de la sennombraj «foks-trotoj» aŭ la raŭkaj sonoj kvazaŭ de sovaĝaj bestoj, dum la reguligo de la aparato, aŭ eĉ ŝajne senkaŭze, ne estas la «nutraĵo de l'spirito», kiun li estis antaŭvidinta. Tamen, ĉar ĝi eble povos havigi al mi kelkan plezuron, ni decidis konservi la instalaĵon dum almenaŭ kelkaj monatoj

Kompreneble, la radio-disvastigoj ĉefe interesas min en ĝiaj rilatoj kun Esperanto kaj mi iom malkviete demandis al mi : «Ĉu mi aŭdos S-ron Mathieux dum lia leciono de proksima sabato?» Kelkaj tagoj de elprovado, kaj venis la sabata vespero. Unue vana atendado, mi jam senkuraĝiĝis. Tiam, ho ĝojo! Mi ekaŭdis la Esperantajn sonojn. Per klara, bone distingebla voĉo, S-ro Mathieux anoncis al la «karaj amikoj», ke «lia voĉo ne estas tiel klara kiel kutime, ĉar li iom malvarmumis. Kaj tiam komenciĝis leciono pri tiu iom kaj la tabelo de la korelativaj vortoj. «Ta ta ta, ta ta ta ta ta ta, jen interrompo de telegramo, transsendata laŭ la samaj son-ondoj.Kaj alia, kaj alia... La tuta cetera parto de la leciono fariĝis neaŭdebla, krom, okaze, kelkaj izolaj vortoj: «instruata, instruanta». Mi pensis kun bedaŭro pri la malhelpo de tiu telegrambruado por tiuj, kiuj aŭskultas la lecionon por eklerni nian lingvon.

Dimanĉe, mi ricevis radio - ĵurnalon : «Radio Magazine». Ĝi enhavas la programon por la tuta semajno ĉe ĉiuj Eŭropaj radio-stacioj. Tiu programo estas longa kaj detala, dudeko da grandaj paĝoj. Mi ne povis legi ĝin tute, sed mi tuj trarigardis ĝin por malkovri la vorton Esperanto, kaj estis vera ĝojo vidi ĝin tiel ofte menciita por la anonco de kurso aŭ parolado en diversaj urboj de Eŭropo. Kaj kiam, je ĉiu tago de la semajno, mi tralegis la programon de tiu tago plej detale, estis ofte agrabla surprizo ankoraŭ renkonti mencion de Esperanta radio-okazaĵo, kiun mi unuavide ne estis rimarkinta. Ĉiutage la nomo de nia kara lingvo devis trafi la okulojn de sennombraj radio-amatoroj, ĉiam rememorigante al ili, ke Esperanto vivas. Kia bonega propagando! kia grandega triumfo! Jen, por la legantoj de «Belga Esperantisto», la listo de tiuj Esperantaj radiaĵoj dum la semajno de la 20a ĝis la 26a de Marto. Ĝi donos al ili ideon pri la graveco de nia movado sur tiu kampo:

Dimanĉon. — München-Nürnberg 14 h. Kurso de Esperanto.

Lundon. — Union-Radio (Madrid) 18 h. 30. Leciono de la Esperanto-kurso.

Mardon. — Königsberg-Danzig 18 h. 30. Kurso de Esperanto.

Mardon. — Vieno 18 h. 30. Kurso de Esperanto.

Merkredon. — Barcelono 20 h. 30. Parolado en Esperanto.

Ĵaŭdon. — Radio-Paris 20 h. Radio-komunikaĵo en Esperanto.

P. T. T. (Parizo) 20 h. Kurso de Esperanto por komencantoj, perfektiga kurso de S-ro Th. Cart, profesoro, helpata de S-ro D-ro Pierre Corret.

Radio-Genève 19 h. 20. Kurso de Esperanto de S-ro Borsa.

Vendredon. — Breslaŭ-Gleiwitz 21 h. 40. Dek minutoj da Esperanto.

Sabaton. — Radio-Belgique 21 h. 15. Kurso de Esperanto de S-ro Mathieux el Bruselo; Kurso de Esperanto en flandra lingvo, de S-ro Jaumotte, el Antverpeno.

Leipzig-Dresden 14 h. 35. Esperanto.

Bedaŭrinde mi ne havis tempon por aŭskulti ĉiujn tiujn Esperantajn radio-elsendaĵojn, aŭ, ankoraŭ pli bedaŭrinde, kiam mi havis tempon kaj sidiĝis ĉe la maŝino por trovi la necesan reguligon, mi eble fuŝis — mi ja estas sensperta novulino en la arto — kaj ne sukcesis eligi la deziratajn sonojn. Unu tago, la jaŭdo, estis tiurilate tute senkuraĝiga. Mi preskaŭ decidis, ke ni ne konservos la aparaton, kaŭzon de tiom da seniluziiĝoj. Tamen, la sekvantan vesperon mi havis grandan ĝojon, ĉar mi eltrovis la numerojn de la stacio de Barcelono. Mi ne estis sukcesinta trovi ilin por aŭskulti la Esperantan paroladon; ĉiujn sekvantajn vesperojn mi provis denove. Barcelono ja havas por mi specialan allogon, ĉar mi ĉeestis la kvina'n, en 1909a. Ĝi estis mia unua mondkongreso, kaj tiuj impresoj restas dum la tuta vivo. Kaj tial la kataluna kongresurbo, la kataluna popolo kaj la katalunaj samideanoj ĉiam multe interesis min. Estis do kvazaŭ kun ravo, ke mi, hieraŭ vespere, post longa klopodado, aŭdis elirantajn el mia «haut-parleur« (laŭtparolilo), unue kelkaj nekonataj kaj tamen kvazaŭ amikaj sonoj, kaj poste, tute klare, la vortoj «Radio Barcelona». Mi zorge enskribis la numerojn, kaj esperas, ke la sekvanta Esperanta parolado, en la urbo de la Kvina, ne estos por mi perdita.

Kiam mi estos iom pli sperta, mi esperas ankaŭ aŭdi la voĉon de nia bona samideano S-ro Jaumotte. Dum la antaŭa semajno mi aŭdis la radio - komunikaĵon el Parizo; ĝi traktis pri vizito de Polaj samideanoj en tiu urbo.

Kaj nun, hodiaŭ, estas denove sabato, kaj denove mi aŭdis S-ron Mathieux. Mi ne scias, ĉu li aŭ mia aparato tiun-ĉi fojon malvarmumis. Lia voĉo ne sonis tre klare. Tamen mi komprenis, ke li klarigis la naŭan lecionon de Cart, pri la konjunkcioj, ke li finos la kurson proksiman sabaton per la deka leciono, kaj ke li donis rendevuon al siaj lernantoj por la dimanĉo 10a de Aprilo (se mi ĝuste komprenis), je la 9 1/4 matene, ĉe la Palais du Cinquantenaire, por vidigi al ili la Esperantan

ekspozicion en la Mondpalaco. Brave, S-ro Mathieux, nia bona propagandisto!

Ĉu ne estas ĝojige, tiu ĉiuflanka ĉiutaga disradiigo de nia kara lingvo?

26 Marto 1927. MARIA ELWORTHY-POSENAER.

---

# BELGA LIGO ESPERANTISTA

## KUNVENO DE LA KOMITATO.

Ni havas la honoran informi la Ligajn Komitatanojn kaj la grupajn Delegitojn, ke kunveno de la Liga Komitato okazos en Bruselo verŝajne la 15an de majo proksima.

Tiuj el ili, kiuj deziras pritrakti specialan temon dum tiu kunveno estas afable petataj tuj konigi ilin al ni por ke ni povu aranĝi la tagordon kiu estos tre grava.

Ĉar pro la nunaj cirkonstancoj ni nur kunvenas unu fojon jare, ni tre insiste petas, ke ĉiuj grupoj bonvolu nepre reprezentigi sin en tiu kunveno, dum kiu ni pritraktos tre interesajn punktojn pri nia estante propaganda agado.

Ni profitas la okazon por rememorigi al la grupestroj la alsendon de la membro-listoj al nia Kasisto S-ro Fernand Mathieux, 94, Avenue Bel-Air, Uccle-Bruxelles. Ĉekkonto No 399.84.

Ne malhelpu nian laboron, faru tuj!

Kun antaŭdanko.

La Ĝenerala Sekretario,

HENRI PETIAU.

---

## BABILADO.

# HELPO AL KOMERCO

Venas nun denove la epoko de la malfermo de l' diverslandaj komercaj foiroj. La legantoj scias kiom favore estas en ili akceptita Esperanto kaj kiajn servojn efektive nia lingvo jam faris al la komercistoj tutmondaj en iliaj rilatoj kun tiuj foiroj. Ties lastaj administracioj presigas ĉiujare dokumentojn en Esperanto,sendotajn al kiom eble plej multaj komercistoj kaj komercaj firmoj. Sed certe multegaj el ili ne estas trafitaj, ĉar ili restas nekonataj al la foirestraroj. Ŝajnas al mi ke tie kuŝas denove bela kampo ekspluatinda de ĉiuj samideanoj. En ĉiu loko la grupoj Esperantistaj devus organizi servon kiu havu la taskon noti la nomojn kaj adresoj de ĉiuj komercistoj kaj komercaj firmoj neesperantistaj sed al kiuj estus utile sendi la diversajn dokumentojn de la komercaj foiroj.

Tiujn listojn ili devus presi — ekzemple per pasto — kaj sendi ilin al la

diversaj foiroj kun la peto ke la administracioj havigu al tiuj personoj aŭ firmoj siajn Esperantajn dokumentojn; kompreneble ke tion oni devus fari ĉiujare komunikante samtempe la lokajn necesajn ŝanĝojn. Por la grupoj — aŭ por la izolaj Esperantistoj tie kie ne estas grupo — tio estus laboro malgranda, sed la utileco por la propagando de nia lingvo inter la komercistaro estus grandega, ĉar vidante alveni Esperantajn dokumentojn el ĉiuj foiroj el la diversaj landoj ili ja fine «malfermus siajn okulojn».

Nu, geamikoj, al la laboro!

L. COGEN.

---

## LA MOVADO EN NIA LANDO.

# BELGA KRONIKO

LA VERDA STELO. S. s. p. C. — La 5an de Marto: Ĝenerala monata kunveno. S-ro F. Schoofs malfermis la kunsidon, prezentante al la membroj S-ron M. Jaumotte kiel prezidanton kaj S-ron G. Faes kiel sekretarion de la ĉiutaga direktanta Komitato de la grupo. La membroj unuanime aplaŭdis la novan estraron. Post paroladetoj de S-roj Jaumotte kaj Faes, la kunsido daŭris sub la prezidanteco de S-ro Jaumotte. Laŭ bona kutimo, la vespero finiĝis per dancado.

Sabaton la 12-an la diskutemuloj dum la «Burleska Parlamento» povis doni plenan liberecon al sia fantazio, apogante aŭ kontraŭbatalante la leĝproponon de S-ro De Ketelaere, pri deviga lernado de Charleston. Ne estas necese aldoni, ke ĉiu fervore defendis sian opinion.

Sabaton la 19an, S-ro Van der Veken rakontis tre agrablajn fabelojn, kiuj tre interesis la aŭdantaron. Oni ege aplaŭdis la paroladiston. La kunveno estis speciale agrabla.

Sabaton la 26an, ni havis intiman vesperon dum kiu S-ino Faes legis la amuzigan libreton «Tri Angloj Alilande». S-ro Prager gvidis vortaran ludon tre intersan. La kunveno finiĝis tre amuze per dancado.

BRUĜO. — S-ro Dervaux finis sian kurson kun 53 gelernantoj. En speciala kunveno F-ino Yvonne Thooris, Honora Vicprezidantino de la grupo, dankis la sindoneman profesoron pro lia bela rezultato kaj faris alvokon al la novuloj por ke ili restu fidelaj.

La 15an de februaro okazis ĝenerala kunveno dum kiu S-ro Poupeye, la agema grupa sekretario, prezentis sian raporton pri la jara agado de la grupo, kiu faris tre kontentigajn progresojn.

Dank'al la klopodoj de la komitato kaj precipe de ĝia bona prezidanto S-ro Dervaux, la urbkonsilantaro voĉdonis monhelpon de 150 fr. por la organizado de la kusoj.

BRUSELO. — Programo de la aprilaj kunvenoj de Brusela Grupo Esperantista:

Lundon la 4an: Ĝenerala kunveno.

Lundon la 11an: Amuza vespero.

Lundon la 18an: (Pasko). Ekskurso al la arbaro. Rendevuo je la 14 1/2 h. porte de Namur antaŭ «Café de l'Horloge»; ĉiuj samideanoj estos bonvenaj.

Lundon la 25an: Parolado de S-ino Staes pri Beloeil. (Antaŭ-kongresa parolado).

La unuagrada kurso baldaŭ finiĝos.

GENTO. — La propaganda festo organizita de la Genta Grupo plene sukcesis je ĉiuj vidpunktoj. La monprofito estas tre kontentiga.

Nova kurso malfermiĝis kaj ĉiuj gelernantoj abonis B. E.

MEĤLENO. — La perfektiga kurso bone funkciadas. La 13an de marto la Ministro de Sciencoj kaj Artoj malfermis tre interesan ekspozicion pri la flandra teatra vivo; tiu ekspozicio enhavas Esperantajn tradukaĵojn de flandraj teatraĵoj.

TIRLEMONT. — Dank'al la klopodoj de nia nova agema propagandisto S-ro Rodeyns, Esperantista Grupo ĵus fondiĝis en Tirlemont sub la prezidanteco de S-ro Carlier, malnova kaj lerta samideano, profesoro en la ŝtata Normala Lernejo, kiu gvidas kurson por ĉirkaŭ 40 gelernantoj, kiuj fariĝis preskaŭ ĉiuj membro-abonantoj de B. L. E. Ni tutkore dankas niajn du tieajn fervorulojn kaj deziras al la juna grupo plej longan kaj sukcesplenan vivadon.

---

## ANTVERPENA KOMITATO POR INTERNACIA KOMERCA LINGVO

Tiu komitato organizas servon kiu speciale celas informi la belgajn komercistojn kaj industriistojn pri ĉiuj faktoj internaciaj kiuj kapablas interesi ilin. Tiuj informoj estas kompreneble sufiĉe multnombraj (ekz. la dissendo de broŝuroj, katalogoj, prospektoj pri komercaj foiroj, k. t. p.) por ke la komitato ne povu fari tion senpage. La kostoj devas almenaŭ esti pagitaj (poŝtmarkoj, kovertoj, korespondaĵoj kun eksterlando), kaj tial la komitato petas provizon de Fr. 5.— de ĉiu persono kiu aliĝas al la servo. De tiu sumo estos forprenata la duoblon de la afranko sur ĉiu komunikaĵo; se ekz. vi ricevas katalogon kiu postulis 5 centimojn da afranko, la sumo de 10 centimoj estos forprenata de via provizo. Kiam la provizo estos preskaŭ tute uzita, la abonanto ricevos peton pagi novan provizon de fr. 5.—.

La komitato esperas ke multnombraj komercistoj, industriistoj, kaj ĉiuj personoj kiuj sin interesas pri komerco kaj industrio — ankaŭ ne-esperantistoj — abonos al la servo; la monon sendu al la sekretario S-ro G. Vermandere, Vleminckx strato, 18, Antverpeno (Poŝtĉekkonto: 1691.91).

---

BONAJ PROFITŜANCOJ.

## KOMERCISTOJ ATENTU !

Kiu volas entrepreni kaj organizi la disvendadon de bona razoklingo? Skribu pro detalaj informoj al: GUSTAVE VERMANDERE, Del. U. E. A., Vleminshcxstr., 18, Antverpeno.

---

GRATULOJ.

## EL NIA RONDO

S-ro Fernand La Gravière, membro de «La Verda Stelo» kaj de «Brusela Grupo Esperantista», edziĝis en Etterbeek, la 26an de Marto.

Al Ges-roj G. Zwaenepoel, sekretario de «Antverpena Polica Grupo Esp.» naskiĝis knabineto Johanino kaj knabo Alberto. Duoblajn gratulojn!

Al ges-roj E. Urbach, Antwerpen, naskiĝis sana filineto.

---

ORIGINALA LITERATURO.

## LA NOVA PRINTEMPO

Estis sovaĝa, ventega ĉaso de minacantaj nuboj tra pluvgraveda ĉielo. Estis malĝoja ŝprucado de malĉermeta pluvakvo, aŭ malespere malrapida falado de densaj neĝeroj, kiuj dolĉe kaj mallaŭte teksis blankan mortotukon por la mortigita tero...

Sed iom post iom mistere revenis la vivo, dum la vintro trenis en malagrabla malsekeco sian enterigiron tra la tero, jam interne korbatanta.

La pasio de la naturo estas ĝisfine suferita: ĝojega kaj resaniga estas la ĝenerala reviviĝo!

Estas trumpetado hela kaj klara trans la horizontoj, vibrigante l'aeron, kiu streĉiĝas ĉiuflanke en ĉielkupolo, trumpetado kiu ton-eligas la «Sezamo-malfermu-vin!» al la tero atendanta.

Kaj la sango denove vejnofluas, la brusto volupte enspiras la diafanan aeron, kaj la okulo entrinkas la unuajn varmetajn sunradiojn, la delikatajn printempkolorojn. Ĉio ŝajnas nova, la venantaĵoj neniam viditaj, kaj tamen konataj sen pensoirado kiel pro profundinterna, nekonscia sentado.

Halelujo! La nova printempo!

* * *

Ili vivis trankvile en soleca forlaso en malgranda dometo, ĉirkaŭata de flustrantaj arboj kaj de murmuranta rivereto, la gemaljunuloj kun sia filo. Tie ili vivis tre malproksime de la febre bruega vivo de la grandurbo.

Tie ili faris, meze de la plena naturo, nekonscie ĝin ĝuantaj, sian simplan viv-vojaĝon, laŭ la nobla irado de devoplenumo.

Iil ambaŭ formis unu tuton, kiu nur ekzistis por ilia sola filo kaj tio daŭris longe, feliĉe longe en la dolĉa tempo de alternaj tagiĝoj kaj noktiĝadoj, en la kara flandra lando...

Ili ne komprenis, ke tio povus ŝanĝi kaj dubis kaj esperis kaj timis infane, dum la ĉielo koloriĝis ruĝe en la oriento kaj la malbonega sciigo trakuris grimacante la landon.

Tremis ilia koro: ĉu estas eble, ke ĉesiĝu ilia kvieta vivo kun la intensa sed silenta reciproka amo? Ve! Oni trovis la dometon kaŝitan en la verda foliaro, oni trovis la vojon al du maljunaj koroj kaj la filo estis elŝirita el iliaj brakoj kaj brute puŝita en la inferan, ŝtalan rondon de sangaj okazintajoj. Kaj la maljunuloj restis hejme, konfuzaj, ankoraŭ kun rideto sur la lipoj kaj larmo en okuloj rigardantaj kvazaŭ senvive la malfermitan pordon, tra kiu li forkuris ŝancelante, kvazaŭ kun ebria kapo.

* * *

Venis ankoraŭ belaj tagoj sed iom post iom la naturo malkuraĝiĝis kaj ekmortis. Dume ili vivis ambaŭ senhelpe la malgajan vivon, la maljuna viro kun sia maljuna edzino, en senlima malkonsiliĝo kaj revado de siaj elvivitaj animoj, en la plena konscio, ke ega maljusteco malsupreniĝis sur iliajn kapojn.

Profunde kaŝitaj en dometo, ili aŭskultis eksteran blekegon de l'ventoj, la unutonan pluvadon, kaj kelkfoje, kiel minaco, malprecizan kanonbaton el la okcidento.

Kaj kiam ili fermis la lacajn okulojn, ili sentis ekflami sangruĝe la ĉielon pro malcedema mortatenco kaj brui la teron pro neniiga formartelado, kaj plendi pro ĝemantaj homoj kaj korpoj tremantaj. Kaj tutanime ili ribelis pro la imago de l'superega mizero, kiun devis travivi ankoraŭ iliaj maljunaj jaroj, de l'grandega doloro, la universa, de kiu la propra nur estis atomo...

Du, tri leteroj ili estis ankoraŭ ricevintaj de sia filo, kaj tiam subite venis la kruela mortsciigo. Li falis inter la unuaj kaj li kuŝas nun en malproksima, nekonata lando.

Estis la peza bato por la gemaljunuloj, la subita realigo de multe da timaj sentoj dum multaj tagoj. Malespero kaptis mortige iliajn korojn, sed plori, tion ili ne faris... Pli profunde ankoraŭ ili sin kaŝis en dometo kaj ekrigardis per senbrilaj okuloj dum horoj ion nekonatan, nedifinitan. Ili atendis. Ili atendis plej malproksime de la aliaj, kiuj ekkriis la doloron aŭ penis sufokigi ĝin per patriota ebrieco.

Ili atendis...

* * *

Multe da mallumaj vintroj forrampis malrapide kaj kruele kun inferaj sabatsorĉaj ventegoj, kvazaŭ ĉiuj diabloj estis forkurantaj, serĉante hejmon en homara koro.

Multe estas mortigita kaj suferita.

Vestita en larĝaj vestoj de malamo, sange la homaro punpagis sian pezan ŝuldon, sin elŝiranta el tempo de dolĉa paco.

Paco?... Vorto ne plu konata! Ili serĉis, la homoj, ĝian veran signifon. Nun ili sopiregos al tio, kion ili iam blinde malestimis, kiel al nova printempo, la nova printempo de ilia vivo, kiu burĝonigus per Amo la sekajn korojn.

Iom post iom la tempo cikatrigis la internan vundon de niaj du gemaljunuloj en la flandra lando. Nur restis al ili la melankolia rememoro al estinta amriĉa vivado de l'filo ĉirkaŭ ili, kiel malproksima, dolĉa pensado.

La jaroj, sed precipe la doloro estis rompintaj ilin, kaj dume la sulkigitaj buŝoj lip-preĝis por la mortinto, ili sentis ke baldaŭ ilia propra horo ekbatos en la antikva, kverka horloĝoŝranko. Ili legis la penson reciproke en la okulojn, kaj ridetis mistere, kvazaŭ ili alirus ĝojigan okazintaĵon, la transmortan unuiĝon kun la amato...

Ili ankoraŭ esperis atendi, antaŭ ol foriri, la triumfalvenon de l'nova mond-printempo, kiu nur estis por la junaj, nenaskiĝintaj generacioj.

* * *

Fine venis ĝi, la printempo, plenigita je diaj promesoj... Venteto petola blovis delikate etajn, verdajn folietojn el la arboj, kiuj post sunkisado freŝe montriĝis per blankaj bukedoj kiel junaj fianĉinoj. La tero odoris pro ŝvelanta fruktodono kaj la vintrovaporoj kaj lasta pulvofumo suprenŝvebis al gaja, blua ĉielo. Kaj ĉiu sentis la novan vivon kaj preskaŭsvenis pro interna pasio kiu korpleviĝis simila al vivosukoj en ĉia kreskaĵaro...

La grizulo kaj lia edzino ne plu kapablis resti nun en la prapatra dometo. Ili malfacile marŝis, sin apogante reciproke, tra la ebena lando. Ili vidis la tagojn vekiĝantajn en roza matenduonlumo kaj etendiĝantajn al oraj, veluraj krepuskoj kvietaj. Ili vidis la teron rekreitan en nova Edeno en kiu la homoj vivis kiel amradiantaj duondioj...

Iun vesperon malsupreniĝis la mallumo refoje kiel beno, tiel serena kaj oferema, kaj senspire ili ĉesigis la trenantan marŝadon.

Tie ĉi ili atendos, tie ĉie ili supreniros al lando de eterna Majo.

Antaŭe kaj malantaŭe, senfine, la kvieta ripozo kuŝis dense netuŝeble. Noktiĝis, kaj la freŝeco ventumis ilian palan vizaĝon. En malseketaj herbetoj ili dolĉe kuŝiĝis en feliĉega duonsveno. Ho, jen la mistero alvenas... De tre malproksime ili aŭdis tintadon de pask-sonoriletoj, pli freŝan ol akvo de fontoj. Kaj supre ili perceptis susuradon dolĉetan... Kaj ekestis tonoj, kiuj alruletis kaj forvibretadis. Ombroj ŝajnŝvebis en purpureca, nigra nokto, kaj subite ekaŭdiĝis karesante, unue mallaŭte, tiam pli klare per ĉielaj voĉetoj:

« Revivigis la Reĝo
kiel suna la bril'
Kantu laŭde en preĝo,
en feliĉa humil'!

Je Pasko ĝojegas
la venko de l' Am',
Eterne nun regas
mondpaca la flam'! »

kaj tiam ĝi enkaŭdiĝis denove kaj ankoraŭ denove, pli malproksime por konigi al ĉiuj la dian certigon de la sentempa paco! LA NOVA PRINTEMPO!

**(Menciita en 12-aj Floraj Ludoj):**
**HECTOR VERMUYTEN.**

# LA MALFELIĈO DE L' SORĈLERNANTO

Certe vi ĉiuj legis la faman baladon de Goethe: «La sorĉlernanto». La misterajn fortojn malligis la disĉiplon de l'Majstro kaj kiam ili superakvas la domon, li ne plu trovas la necesajn vortojn por ilin haltigi.

Same agis eminenta eks-esperantisto proponante sian «IDON». Li malligis la reformemajn fortojn kaj nun vane li petegas, vane li minacas, la reformo-manio ne haltas, ĝi ne povas halti. Tute prave nia Idistestro deklaras en la gazeto por francaj Idistoj (1926 N-ro 1 kaj 2) ke la logiko estas rimedo, ne celo, ke kiam ĝi alportas komplikaĵojn gin oni devas senhezite flankenigi, ke la ĉefa kvalito de internacia lingvo estas ĝia facileco, ke fine la lingva provizoreco tedas, naŭzas la publikon... Vane! vane! Oni riproĉas lin ke sufiĉajn ŝanĝojn li ne alportis al la Zamenhofa lingvo. Li respondas ke la neceson li faris sed la aliaj, ĉiu el la aliaj opinias, ke nur lia propra, pli plena reformo estas kontentiga, ke post ĝia alpreno la pacon oni havos!

Nu, estimataj sinjoroj, poste venas alia reform-amanto kiu alportas alian solvon, **definitivan** solvon!

Kun malĝoja koro nia gazetisto ŝajnis bedaŭri ke li iam eliris el sia tendo por propagandi ĉu Esperanton ĉu Idon. La tre grandajn servojn, kiujn, en la unua periodo, li faris al Esperanto, ni ne forgesas. Lia disfalo estis por liaj amikoj grava, dolora bato: la kreskado de Esperanto li laŭpove malplifaciligis, sed li ne sukcesis vivigi Idon ĉar tiu ĉi, jam de sia naskiĝo, kunportis principon de rapida morto: la rifuzon, — sub la erariga preteksto de senfina progresigo — la rifuzon de ĉia **firma** Fundamento.

La sola timinda dangero por **vivanta** lingvo (kiel Esperanto) ne estas ia ŝtoniĝo, **fakte ne ebla,** sed la sistema aliecigo kaj fine la disfalo en dialektojn, se ĉiu rajtas alporti sian sistemon kaj volas ĝin triumfigi. — Amike aŭ severe oni kritikis nian fidelecon al nia Fundamento. Al tiu fideleco, sola garantio de **normala** lingva evoluado kaj de internacia unueco ni ŝuldas nian progreson; al ĝi ni ŝuldos la finan venkon.

**TH. CART,**
**Prez. de la Akademio.**

EL FREMDAJ LITERATUROJ.

# EN LA VENDEJO

## SKIZO DE MAXIME GORKIJ.

— Sinjorino, permesu al mi helpi vin!

La sinjorino turnas sin kaj ekvidas unu el tiuj viroj, kies parolo estas pli alloga ol la mineo.

Li estas maldika, flavvizaĝa kaj vestaĉita, kvazaŭ la destino post longa turmentigo jus ellasis lin el siaj ungegoj. Kun aminda kaj petinta mieno li kliniĝas antaŭ la sinjorino kaj diras:

— Ĉu estas necese porti vian korbeton?

Kiam li havas la korbon en la mano, li portas ĝin respekte kaj iras tra la vendejo, kvazaŭ li gardus ministran paperujon. Sed considerante sin ne inda havi tian honoron, li tute ne estas fiera. Li samfoje pritaksas la mastrinan spertogradon de la sinjorino kaj, kiam li vidas ke tiu sperto ne estas tre granda, li komencas gvidi ŝin kun ĉiuj indulgoj.

— Bonvolu aĉeti la viandon ĉe tiu vendisto. Li estas tre konscienca kaj havas belan komercajon...

Li rekomendas tiun vendiston pro specialaj motivoj, ĉar kaŭze de kontrakto kiun ili faris kune, li ricevos tri ĝis kvin kopekoj por ĉiu rublo pagita de la klientoj, kiujn li alkondukos.

— Vasili Stepanoviĉ! Jen la sinjorino, kiu volas aĉeti la plej bonan pecon...

Poste li kondukas la sinjorinon al la ĉaro plena je terpomoj.

Tiu kiu negocas tiun burĝonon donas al li unu kopekon por vendita mezuro...

— Sed kiel mi forportos tiujn terpomojn? petas la aĉetantino.

— Li donos al vi sakon, kiun mi portos ĉe vi kaj ĝin redonos al li...

— Sed tamen; mi volis preni fiakron...

Sinjorino, mi postulos pli malkaran prezon ol la veturigisto...

— Tamen, Volodka, diras la terpomvendisto, vi devas efektive reporti al mi la sakon...

— Bone!

— Jes, ne tiel, kiel lastfoje, kiam vi forprenis la sakon kaj faris el ĝi pantalonon...

— Ne indas rememorigi tion al mi...

La sinjorina aŭskultas la interdiskuton kaj ridetas.

Tiu Volodka, kiu estis devigata fari sian pantalonon el ŝtelita sako, instigas al ŝi timon por ŝiaj aĉetaĵoj kaj samfoje kompaton.

Kaj en la fundo de la koro ŝi decidiĝas doni al li kvin kopekojn por la portado de ŝiaj aĉetajoj.

— Sinjorino, ĉu vi ne deziras tripojn? demandas Volodka, movigante en la aero tripojn, kiujn li prenis, oni ne scias kie.

Vidante liajn esplorantajn rigardojn kaj lia procedo portante la komercaĵon, la sinjorino divenas kiamaniere tiu-ĉi estis tombita en liajn

manojn. Tio estas malagrabla afero al ŝi kaj ŝia kompato por tiu-ŝi viro ŝanĝiĝas en la timo, kiun li elvokas.

— Ne, mi ne prenos ilin, sekvoĉe ŝi diras.

— Mi donos ilin por dek kvin kopekoj....

— Dek kopekoj! deklaras la sinjorino.

Principe ŝi estas kontraŭ la aĉeto de la ŝtelitaĵo, sed kiam ĝi estas tiel malkara!...

— Donu dek du kopekojn, sinjorino?

— Dek!

Ŝi nur marĉandas por ne kuraĝigi la malbonajn emojn de tiu viro; ŝajnas al ŝi, ke li ne ŝtelos dufoje, se li vendos la tripojn tiel malkare.

— Prenu, li diras, mi metos ilin en vian korbon. Ĉu vi ne volas aĉeti ruĝan beton?

Li havas la beton en la poŝo. La sinjorino komencas suspekti ke li havas ankoraŭ multe da aliaj manĝaĵoj. Ĉi-tiu viro iĝas pozitive malagrabla al ŝi, tial ŝi pagos por la beto, kune kun kvar lignaj kuleroj, nur sep kopekojn.

Poste, aĉetinte ĉion kion ŝi bezonas, ŝi ŝarĝas la faktotumon per sakoj kaj paketoj de piedoj al la kapo kaj marŝigante lin antaŭ si, ŝi iras hejmen.

Volodka, kurbita sub la ŝarĝo, iras rapide sur la trotuaro, fidela al sia devizo porti la aĉetaĵojn por malpli da mono ol veturigisto kaj dumvoje li revas pri la premioj, kiujn li ricevos de firmoj... kaj pri aliaj aferoj ankoraŭ pli profiteblaj.

Tradukis R. S.

---

# HO, PATRINO!

de MIHAIL EMINESCU.

Ho, panjo, dolĉa panjo! El tempa nebular'
Vi vokas min je zuma murmur' de foliar'.
Sur nigran la krucŝtonon de la ĉerkujo, nun
La akacioj ŝutas foliojn, pro l'aŭtun'.
La branĉojn movigetas arbaĵ' de akaci'...
Konstante movigetos, konstante dormos vi.

---

Kiam mi mortos, kara, ne ploru ĉe la tomb'.
El la tilio prenu branĉeton vi per romp'.
Zorgeme ĝin enfosu ĉe mia kapo; l'ar'
De larmoj sur ĝin falu el mia okulpar'.
Mi sentos ĝin iame la tombon ombrumi...
Konstante kreskos l'ombro, konstante dormos mi.

---

Kaj se ni kune mortos, oni ne portu nin
Inter malgajajn murojn de la tombej' sen fin'.
La tombon oni fosu ĉe tombo de river'.
En sama ĉerko oni nin metu je la ter'.
Vi estos poreterne proksime do de mi...
Konstante ploros l'akvo, konstante dormos ni.

El la rumana lingvo:
HENRIKO RABINOVICI.

---

# RESTU!

de MIHAIL EMINESCU.

« Restu do ĉe mi, ho restu — —
» Mi ja tiom amas vin!
» Vian koron nur mi sola
» Konas kaj komprenas ĝin;

» Mi komparas vin al princo
» En de l'ombro la malklar',
» Trans la akvon rigardanta
» Per nigrega okulpar';

» Kaj je l' bruo de la ondoj
» Kaj je movo de la herb'
» Mi aŭdigas vin sekrete
» La troteton de la cerv';

» Mi vin vidas, ravegita,
» Kiel vi, ne sen babil'
» Etendetas la piedon
» Al la de la akvo bril';

» Kaj ĝuante la lunplenon
» Kaj la blovon de la ventoj,
» Viaj jaroj ŝajnas horoj,
» Horoj ŝajnas eĉ jarcentoj. »

Tiel diris la arbaro
Kun movema la foli' —
Fajfis mi je ĝia voko
Kaj al kampo iris mi.

Nun se mi eĉ alreirus,
Ne plu estas la kompren'...
Kie estas, infanaĝo,
Vi, kun la arbara ben'?

El la rumana lingvo:
HENRIKO RABINOVICI.

# PRI DEKLAMARTO KAJ ESPERANTO

La Esperantoliteraturo, iĝante ĉiam pli ampleksa, pli riĉa kaj profunda, same kiel la bezonoj de la regulaj esperantaj vesperfestoj kaj kongres-koncertoj, allogas aŭ altrudas multajn Esperantistojn praktiki la deklamarton, tre sindoneme, sed ne ĉiam bonsukcese. Tio ankaŭ okazas por aliaj artformoj, sed la festiniciatintoj, jam ĝojante pro la kara kunlaborado, ĝenerale prudente sin gardas aŭdigi timigan kritikon. Iuj kiuj neniam eĉ ekpensis deklami aŭ ludi teatron nacilingve, kun miriga nepripenso faras tion Esperante, sekvante la amuzan ekzemplon de tiuj, kiuj vivis ĉiam proze, sed ekesperantiĝinte tuj blindiĝas pro la sonriĉeco kaj la ŝajna facileco de la rimfarado de nia lingvo kaj amasigas en la paperkorboj de niaj redakcioj la poemajn ellaboraĵojn de siaj dolĉaj animoj!

Tiu situacio povas esti danĝera por la celo de niaj propagandofestoj mem kaj por la oreloj de klera aŭdantaro. Ĉar vere, ne sufiĉas por «bone» deklami, trie sonigi sian voĉon aŭ tondre ĝin forpuŝi kontraŭ la orel-tamburojn de la aŭskultantoj, laŭ la fantazio de siaj atletaj pulmoj. Kaj ne sufiĉas montri al publiko elektita teruran vizaĝakrobatarton aŭ frenezajn gestojn (eĉ ne se frenezulo parolus el via buŝo!). La deklamarto ankaŭ ne konsistas en la elpruvado de miriga memorkapablo, kvankam publiko ĝenerale aplaŭdis la plej erarajn interpretadojn, ja toleras ĉion, escepte memordifekton!

La ĉefkerno de la deklamarto kiel de ĉiu arto estas vero, natureco, sincero; ĝi postulas simplecon en dirado, sobran geston, kvazaŭ simplan substrekon, trafan mimikon, kiu entene esprimas plej internan emocion. Kiu volas sin dediĉi al tiu arto komencu per serioza konsciencekzameno, ĉu li vere havas ian talenton, vere necesan. «Mi scias legi, lerni parkere kaj laŭte kaj sufiĉe bele paroli, kial do ne deklami?» Jen la opinio de multaj nesciuloj. Ke ili seniluziiĝu! La estonta deklamisto nepre bezonas talenton kaj studadon. «En art vingt définitions ne valent pas un exemple et les connaissances techniques ne remplacent pas une vocation» (Georges Berr). La tasko de la deklamisto estas malfacila, pli ol tiu de l'aktoro (kvankam ambaŭ kompletiĝas; estus interese paralele difini ambaŭ artojn) ĉar li ne sole devos prezenti okazantaĵon, sed ankaŭ pentri la lokon de la agado, kaj bildigi plastike. Li tutsola devas postuli la atenton de la aŭdantaro kaj kapabli koncentrigi ĝin daŭre sur sin mem per la sola potenco de sia esprimarto, per la sola helprimedo de sia voĉo.

La voĉo ja estas la instrumento: ju pli bona la ilo des pli bela la deklamo povas esti. Sed belega, etendita, harmonia voĉo ne multe valoras se ne inteligento kaj intuicio ĝin gvidas kune kun la sento emocia, rilata kaj unueca, ja tiu konscio donata de literatura edukado. Per tio artisto malpli naturdotita povas ankoraŭ mirige impresi la publikon.

La elparolo kompreneble devas esti speciale prizorgata despli kiam temas pri nia lingvo, ĉar internacia, kiun la deklamanto devas tutplene posedi kaj senti vere kiel vivantan lingvon, kies ritmo kaj muziko fariĝis parto de li mem. Bona kaj bela elparolado (ne naturaj paroldifektoj!), regado de la elspiro, preciza prononcado de ĉiu silabo (sensonaj silaboj ne ekzistas en Esperanto), klara aŭdigo de finkonsonanto de substantivoj sen karakteriza finaĵo; ĝusta gramatika akcento ktp. jen la esencaj principoj, kiuj estas akireblaj post kontrolita ekzercado. Pli malfacila estas la dirado de prozo kaj versoj laŭ ilia ĝusta ritmo kaj neinstruebla estas la rekta, esprimplena eldirado, la akcento kiun metas la koro, kiu sole povas profunde emociigi. Sed ĉiam la deklamisto devas regi sian senton kaj ĉiam, tamen nepercepteble, lia vera emocio devas iri tra la vojo de lia tehniko. Lia sintenado devas esti ĉiam modesta, sed memkonscia.

Ĉi ĉio nepre postulas, kaj oni ankaŭ ofte forgesas tion, plimalpli longan enprofundiĝon kaj analizon de la deklamaĵoj. La elekto mem de tiuj ĉi kaj la kunmetado de la programo ankaŭ estas grava punkto, de kiu dependas parton de l'sukceso.Memkritikon la deklamisto ĉefe bezonas: distingon pri la speco de sia talento (komika, drama, intim-sentema). Li devos zorge elekti la deklamaĵojn ĉar ĉiu poemo ne estas taŭga.

Estus dezirinde, ke aperu speciala antologio Esperanta, je la uzo de la praktikanto de la deklamarto, prezentas kompetente elektitajn artajn deklamaĵojn originalajn aŭ el la plej gravaj mondliteraturaj verkoj, atentante ĉiam pri la bezono de nia moderna sento kaj gusto. Ni scias, la esperanta koncertpubliko, ĉar ĉiuspeca, bedaŭrinde ne estas ĉiam sufiĉe lingvosperta, kaj tial ke ĝi estas varbita el ĉiuj rangoj, ĝi ofte estas nivelita diversbaze, do ne estas ĉiam facile trovi la ĝustan mezon. Tamen tiu mezo ekzistas kaj ni ege admonas deklamistojn kaj aliajn artistojn esperantistajn sin teni ĉiam sur sufiĉe alta nivelo, sen perdi la necesan kontakton. Estus malĝoje, se nia lingvo kreita kaj propagandita de homoj idealistaj ne servu en tiuj okazoj por altiri malpli pursenteman publikon supren de ĝia kutima nivelo. Estas jam beno ke Esperanto ne havas, kiel la naciaj lingvoj, tiun jarcentan tradicion de malspriteco kaj banaleco! Ni finas nian nekompletan, bonintencan babiladon kun la deziresprimo ke almenaŭ la Esperantistoj ne konsideru la arton de la parolata vorto kiel nuran temppasigon kaj ke la veraj talentuloj en nia lando vekiĝu aŭ sin metu je la dispono de la propagando de Esperanto kaj de la Arto kaj ke ili sciu (se ili ne jam aliĝis) ke ekzistas «Festorganiza Klubo», kies artamanta, simpatia estro, mi estas certa, ricevos ilin kore.

TYNEVERUM.

---

# NOVA ELTROVO

## LINGVOTRADUKMAŜINO.

Problemo, kiu ŝajnas je la unua ekrigardo nesolvebla, estis pristudata energie de la eltrovintoj Rostock kaj Claussen el Elmshorn.

Koncernas la kunmetadon de maŝino, kiu celas ne malpli ol tradukon de lingvoj. Kiam oni frapas germanajn vortojn sur la klavoj de skribmaŝino tiam ili devas esti de ĝi transskribitaj ekz. en franca lingvo. Nu, la eltrovintoj sukcesis kunmeti maŝinon, kiu ebligas aliigi kiel eble plej da litergrupoj en aliaj, kaj kiu tiel povas doni iom la saman rezulton kiel leksikono.

Oni alvenis al tio per genia sistemo de perpendikularaj, ladaj stangetoj entraĉitaj. Konforme al la frapitaj literoj, tiuj ĉi estas suprenlevitaj laŭ diversaj altecoj kaj tiam, je la flankoj aplikitaj riglilo] permesas la enigon, tiamaniere ke nova vortbildo aperas.

La plej grandajn malfacilaĵojn povas okazigi la aliiĝoj de la vortformoj pro deklinacio kaj konjugacio, kaj tiuj estas preskaŭ nevenkeblaj. La maŝino povus esti tial unue uzebla por lingvoj kies vortradikoj malmulte varias, kiel en la angla lingvo kaj en Esperanto.

Estas demando ĉu la maŝino povas okazigi revolucion en la eksterlanda korespondado. Ĝi estas patentita en la plejmulto de la kulturŝtatoj.

D-ro H. FR.

El «Forschungen und Fortschritte» tradukis TYNEVERUM.

---

# LA "WELTZEITUHR" de Nerst

Sin apogante sur la leĝo pri dispecigo de l'elementoj la fama fizikisto-ĥemiisto Nerst elspensis horloĝon montrantan la aĝon de l'mondo (Weltzeituhr), kiu indikas la komenciĝon kaj la finan de la tera ekzistado. La ciferplato estas dividita en dek-du «horoj» tiel same kiel la ordinara horloĝo.

Sed ĉiu horo reprezentas 600 milionojn da jaroj kaj ĉiu minuto dek milionojn da jaroj. La horloĝo montras nun la 5an horon kaj 50 minutojn.

Laŭ Nerst, la suna temperaturo estas nun 6.300 gradojn, dum je la «dua horo» ĝi estis 10.000 gradojn kaj je la tria h. 8.900 gradojn.

Post tri «mondaj» horoj, t. e. post 1800 milionoj da jaroj, la radiado de la suno ne plu kapablos varmigi la teron. La cirkonstancoj laŭ kiuj la vivo fariĝis ebla sur la tero prezentiĝis je la kvina horo, kiam la temperaturo mezgrada estis 68 gradojn.

Post 700 milionoj da jaroj la meza temperaturo estos proksimume 59 gradojn kaj la vivo estos ebla nur proksima je l'ekvatoro. Feliĉe ni havas sufiĉan tempon por pensi pri tia popolmigrado!

El «La Frandre Libérale».

Tradukis L. COGEN.

# EKRANAĴOJ

S-ro Fortis prezentas ĉiusemajne al la brusela publiko famkonatan kinematografan enscenigiston kaj la plej novan aŭ la plej karakterizan el liaj filmoj. La 9an de novembro, estis la vico de Raoul Grimoin-Sanson, kiu jam ĉirkaŭ 1890, laboris la demandon pri registrado de la movoj! li estis la helpanto de Marey, la fama franca fiziologo, kiu, la unua, disigis la movojn de la birda flugo per «fotografa pafilo», kapabla registri dekdu fotografaĵojn po minuto. En BRUSELO li helpis ankaŭ Paul Heger, nian bedaŭratan scienculon, por registrado de movoj de la blankaj ĉeloj de la sango; tiu laboro do unuigis la uzadon de mikroskopo al tiu de «rapidfotografado»; tiu ideo estis reprenita longe poste de D-ro Commandon, kiu «filmis» la movojn de mikroboj vivantaj en homa sango.

En tiu momento, la registrado de la movoj do jam ekzistis; nur mankis la ebleco reprezenti ilin al rigandantaro. Grimoin-Sanson serĉis, kaj trovis, bedaŭrinde tri semajnojn post la eltrovado de fratoj Lumière, kiuj unue prezentis vivantajn lumbildojn en Parizo (1895). Tamen, tiuj estis tute ne perfektaj. Mankis al ili iu ajn perfektigaĵo en la projekciilo kaj tio estis la «Croix de Malte» de kiu Raoul Grimoin-Sanson estas la nediskutebla eltrovinto. En tiu momento, li konstruis montrilojn, vendis kelkajn, kaj kredeble estus riĉiĝinta per tio, se li ne estus estinta fuŝkonsilata de senkuraĝiguloj kiuj diris al li: «Vi laboras por utopio! Ĉu vi kredas, stultulo, ke homaro asamiĝos dum du horoj en senlumejo por rigardi viajn lumbildojn? Kaj kiom kostus filmo daŭranta nur unu horon? Ĉu vi scias ke ĝia prezo atingus centmilon da frankoj? Tio ne estas eble! Vi plej bone farus forlasante tiajn ŝercaĵojn kaj laborante serioze! «Kaj Grimoin-Sanson kredis ilin; kaj li lasis siajn aparatojn por aliaj aferoj... Kaj li nun diras al la aŭskultantaro:» «For la timigaj homoj! Gejunuloj, ne kredu ilin! ne aŭskultu ilin! Kiam vi havas ideon, kiun vi kredas esti bona kaj bela, vi devas iri, ĉiam antaŭen, fermante viajn orelojn al la malbonaj konsiloj». (1)

La parolinto do forlasis siajn lumbildojn, kaj elpensis rimedon por netramalsekebligado de ŝtofoj. Per tio li gajnis sufiĉan monon, kaj nun, li reokupas sin pri Kinematografo. (Oni ĉiam revenas al sia unua amo!)

Li klopodis samtempigi parolon kaj kanton al la filmo, kaj tio ne per helpo de fonografo, kiel aliaj, sed per tute originala rimedo. Laŭbezone oni vidas sur angulo de filmo movadojn de la bastono de la orkestrogvidanto, kiu direktis dum la filmado. Dum la reprezentado la muzikestro sekvas tiun bastonon, kaj per tio, la celo estas atingata. Filmo «Le Comte de Griolet» estis prezentata, kaj kantoj, verkitaj de Grimoin-Sanson mem, estis kantataj. La iluzio estis preskaŭ perfekta. Tiu verko estas nur unua provo. Eble, post reĝustigado, per tia sistemo, oni vere povos aŭdi operon... en la kinematografejo. KVAROKULULO.

---

(1) Ai ni, Esperantistoj, mi pensis, aŭdante tiajn vortojn!

# LA LABORO DE INFANOJ PRI LA PRODUKTO DE KINEMATOGRAFAJ FILMOJ

La Unua Internacia Kongreso de la Kinematografo, kunveninta en Paris lastan Septembron kaj Oktobron, petis la Internacian Laboroficejon fari novan kaj pli detalan enketon pri la laborkondiĉoj de infanoj en la kinematografa industrio.

Iuj informoj pri tiu temo jam aperis en diversaj eldonaĵoj de la Oficejo, kaj tiuj informoj estas nun resumitaj en la Februara numero de la Internacia Labora Revuo.

La laboro de infanoj en tiu industrio estas malpermesata en neniu lando, sed en pluraj landoj oni devas havigi oficialan permeson por okupi infanojn. En Aŭstrio permeso estas deviga ĝis la aĝo de 14 jaroj, en Germanujo ĝis la fino de la devigaj lernejaj jaroj (ŝajne ĝis la aĝo de 14 jaroj), en la Ŝtatoj Nova Jorko kaj Kalifornio ĝis 16 jaroj. En Germanujo infanoj devas ne labori pli ol ses horojn tage, kaj ne antaŭ aŭ dum la lernejaj horoj aŭ post la oka posttagmeze. Ili devas ankaŭ daŭre iri al la lernejo. En Kalifornio la laborhoroj devas ne superi 8 tage kaj veni inter la oka matene kaj la 5-a posttagmeze. Kvar el la laborhoroj devas esti dediĉitaj al instruado. La Komisiono pri Isntruado provizas specialajn instruistojn, kiujn la mastroj devas pagi.

Regularoj pri kuracista ekzameno ĉe dungo kaj rimedoj por la protekto de la fizika morala bonesto de la infanoj dum la laboro estas observata en Germanujo, Italujo kaj Kalifornio.

**Informservo de la Internacia Laboroficejo.**

---

# LA SILENTA AKADEMIO

Ekzistis en Hamadan (1) fama akademio kies unua regulo estis la jena:«La akademianoj multe pensos,malmulte skribos kaj parolos kiel eble malplej». Oni nomis ĝin: La Silenta Akademio, kaj ne estis en Persujo unu vera saĝulo kiu ne deziregis esti akceptita en ĝi. Doktoro Zeb, aŭtoro de bonega libreto titolita «La buŝoŝtopiloj», eksciis, en la fundo de sia provinco, ke loko estis libera en la Silenta Akademio. Tuj li foriris, alvenis en Hamadan kaj sin prezentante antaŭ la pordo de l' ĉambrego en kiu la akademianoj estis kunvenintaj li petis la serviston transdoni al la prezidanto la jenan bileton: «Doktoro Zeb humile petas la liberan lokon». La servisto tuj faris la komision; sed la doktoro kaj lia bileto estis venintaj tro malfrue: la loko estis jam aljuĝita.

La akademio estis konsternita pro tiu malagrablaĵo; ĝi estis akceptinta, iom kontraŭvole, korteganon kies vivoplena kaj facila elokventeco estis admirata en ĉiuj literaturaj salonetoj kaj ĝi estis devigata mal-

---

(1) Urbo en Persujo.

akcepti doktoron Zeb, la malamikegon de babilemuloj, kapon tiel saĝan, tiel sciencoplenan! La prezidanto, ŝarĝita sciigi al la doktoro tiun malagrablan situacion, ne sciis kiel fari. Post kelktempa pripensado li igis plenigi per akvo grandan pokalon, sed tiel ege plenigi, ke unu guto plia estus iginta la fluidaĵon elflui; poste li ordonis enirigi la kandidaton. Ĉi-tiu aperis kun tiu aspekto simpla kaj modesta kiu preskaŭ ĉiam anoncas la veran meriton. La prezidanto ekstaris kaj ne dirante unu vorton li montris kun afliktesprima mieno la enigman pokalon plenplenigitan. La doktoro bone komprenis ke ne plu estis loko en la akademio; sed, ne perdante sian kuraĝon, li ekpensis ion por komprenigi ke supernombra akademiano neniel ĝenus en ĝi. Ĉe siaj piedoj li vidis rozfolion; preninte ĝin, li metis ĝin delikate sur la akvon, kaj li faras tiel lerte, ke ekfluas neniu guto.

Je tiu spritoplena respondo ĉiuj aplaŭdis; oni ne atentis la regularon en tiu tago kaj Doktoro Zeb estis aklame akceptita. Oni tuj prezentis al li la registron de la Akademio en kiu la akceptitoj devis mem enskribi siajn nomojn. Tion li faris kaj devis nun prononci, laŭ la kutimo, frazon dankdiran. Sed, kiel akademiano vere silenta, Doktoro Zeb dankis sen diri unu vorton; en la marĝeno li skribis la nombron cent; estis tiu de liaj novaj kolegoj; poste, metante nulon antaŭ la nombron (0100), li skribis malsupre: »Pro tio ili valoros nek pli, nek malpli». La prezidanto respondis al la modesta doktoro tiom ĝentile kiel sprite: li metis la ciferon unu antaŭ la nombron cent (1100) kaj skribis: «Pro tio ili valoros dekfoje pli».

Abato Blanchet (1707-1784)

Tradukis L. COGEN.

---

# HUMORO

Luktisto gajnis unuan premion en batala konkurso. Liaj amikoj festis tiun okazintaĵon donante je lia honoro belan festenon. Ĉe la fino unu el la amikoj toastis por la heroo. Post la toasto la luktisto ekstaris kaj diris: Karaj amikoj! Dankon por la bela festo organizita je mia honoro. Mi ne havas paroladistan talenton, sed por montri al vi mian plenan amikecon, mi estas preta trifoje sinsekve batali kun ĉiu el vi!»

* * *

Sinjorino vizitas unu el siaj amikinoj sed ne trovas ŝin hejme. Ŝi rimarkis ke sur ĉiuj mebloj de l' salono kuŝas dika tavolo de polvo. Por riproĉi sian amikinon pri tio, ŝi skribis per sia fingro sur ĉiuj mebloj en la polvo: Malpurulino. La sekvintan tagon la sinjorino renkontis sian sian amikinon kaj parolis al ŝi pri vana vizito.

«Jes», respondis la amikino, «mi scias ke vi envenis mian domon hieraŭ, ĉar sur ĉiuj mebloj vi skribis vian nomon!»

* * *

Johano. — Mi havis strangan sonĝon! Mi sonĝis ke ni estas ambaŭ milionuloj.

Jozefo. — Ho!

Johano. — Jes, mi havis la milionon kaj vi la nulojn!

Jozefo. — Nu, Joĉjo, mi ankaŭ strange sonĝis: mi sonĝis ke ni havas ambaŭ la bovopeston: mi havis la bovon kaj vi la peston!

## KELKAJ ŜIRKALENDARAJ PROVERBOJ

La rozoj velkas, la pikiloj restas.

Por esti feliĉa oni devas kaŝi sian vivon.

Antaŭ ol laŭdi belan tagon oni devas atendi ĝis ĝia fino.

Antaŭe pensu, poste agu.

Ne ekzistas malgrandaj pensoj por la grandaj spiritoj.

La okuloj neniel utilas se la cerbo estas blinda.

Moko estas ofte manko de inteligenteco.

Persisteco valoras pli multe ol lerteco.

Ĉiuj paŝoj kondukas al la morto: nur la lasta ĝin atingas.

Pensu pri eliro antaŭ eniro.

La plej granda arto estas kaŝi la arton.

Tradukis L. COGEN.

## SABLEROJ

el FR. SPIELHAGEN.

Freŝan doloron silento honoru!

Nur enuigaj homoj enuas.

Ĉio estas vana, sed precipe nia ĉagreno pro tio, ke ĉio estas vana.

Ĉiu amikeco estas templo, kies eniro devus esti malpermesita al tria.

Adoranto de soleco baldaŭ estos sola.

Kion scias la vivo pri la morto? kion la morto pri la vivo? kaj kion la eterneco pri ambaŭ?

Edzeco: veeco.

El la germana:
PRAHANO.

TRA LA MONDO.

# NIA PROGRESADO

**ENKONDUKO DE ESPERANTO EN LA SUDSLAVA FERVOJARO.** — Per dekreto de 21 marto 1927 (G. D. Nro 6071/927) la Ministerio de l'Trafiko de l'Reĝlando de Serboj, Kroatoj kaj Slovenoj decidis la uzon de Esperanto kiel helplingvon por la surskriboj kaj avizoj al vojaĝantoj en la internaciaj vagonoj de Sudslavio.

I. E. S.

**LA TRAMOJ DE VILNO KAJ ESPERANTO.** — La policistoj de Vieno, kiuj parolas Esperanton, portas sur siaj uniformo insignon, kiu permesas ekkoni ilin en la strato. Same estos estonte pri la tram-konduktoroj laŭ ordono de la direkcio kaj konforme al rekomendo de la trafika komisiono.

I. E. S.

**LA TURISMO KAJ ESPERANTO.** Esperanto estas pli kaj pli uzata en la turismo. La Oficejoj de turismo de Köln, Budapest kaj Neuchâtel aperigis ilustritajn gvidlibrojn, redaktitajn en Esperanto.

I. E. S.

**LA INTERNACIAJ FOIROJ KAJ ESPERANTO.** — Kiel dum la antaŭaj jaroj, la foiroficejo de Frankfurt a. M. distribuis ankaŭ por la printempa foiro de 1927 tre artiste presitan prospekton en Esperanto. La foiro ankaŭ aperigos en Esperanto registron de branĉoj kun traduko en 5 lingvoj.

I. E. S.

**LA TEKNIKA GAZETARO KAJ ESPERANTO.** — Imitante la ekzemplon de aliaj ĵurnaloj teknikaj kaj sciencaj, la Revue Sténographique Belge (Sistemo Duployé) publikigas de post sia numero de februaro 1927 resumojn de Esperanto en ĉiu numero.

I. E. S.

**KOMERCA INSTUADO KAJ ESPERANTO.** — La Komerca Ĉambro de Vel. Bečkerek (Sudslavio) organizos kurson de Esperanto kaj petis pri kunlaboro al la esperantista grupo de tiu ĉi urbo.

I. E. S.

**GEOGRAFIO PER ESPERANTO.** — Renomitaj pedagogoj, inter alie Prof. Bovet de la Instituto J. J. Rousseau en Ĝenevo jam rekomendis la instruadon de geografio per Esperanto. Oni anoncas en tiu ĉi kampo tre interesan verkon, rezultato de kunlaboro inter Aŭstraliano kaj Finlandano «Aŭstralio, Lando kaj Popolo), kiu baldaŭ aperos en la pedogogiaj eldonaĵoj de Hirt & Son en Leipzig.

I. E. S.

**RADIO KAJ ESPERANTO.** — La baltaj stacioj de radio ankaŭ enkondukas Esperanton en siajn programojn. Kurso de lingvo internacia

estis komencita en la stacio de Kaunas (Litovio). La 7 februaro 1927 la stacio de Tallinn (Estonio) disaŭdigis la unuan lecionon de kurso en nia Lingvo.

La 25 februaro de la stacio de Falun (Svedujo) donis programon artistan tute en Esperanto, kiu estis varme salutita en la eksterlando. La Sveda Esperanto-Federacio aperigis je tiu ĉi okazo specialan numeron de sia organo «Svenska Esperanto-Tidningen» tute dediĉita al Radio.

I. E. S.

INTERNACIAJ KONGRESOJ KAJ ESPERANTO. — La internacia Oficejo de Edukado en Ĝenevo kunvokis por la Pasko-tagoj al Praha internacian kongreson «La Paco per la Lernujo» sub la patroneco de l'prezidanto Masaryk. Ĉiuj paroladoj kaj diskutoj estos tradukataj en Esperanton.

I. E. S.

LA STENOGRAFIO KAJ ESPERANTO. — La germana stenografia sistemo Palm estas adaptita al Esperanto de Sinjoro Wingen, la konata stenografo de l'Urba Parlamento de Köln kaj aŭtoro de alfaroj de tiu ĉi sistemo al la angla, franca kaj nederlanda lingvoj.

I. E. S.

---

# FONDIĜO DE LA ESPERANTO-SEKCIO DE PANEŬROPO-UNIO EN VIENO

La 12-an de Februaro okazis en Vieno la fondanta kunveno de la Esperanto-Sekcio de Paneŭropo-Unio. Direktoro Kronberger malfermis la kunvenon kaj salutis la ĉeestantojn. D-ro Sos estis unuanime elektata kiel gvidanto de la Esperanto-Sekcio. D-ro Sos dankis por la elekto, raportis pri la ĝisnuna propaganda agado de la esperantistoj por la Paneŭropa movado kaj esperis,ke per la fondiĝo de la Esperanto-Sekcio ĉiuj esperantistoj sin unuigos por subtenado de la Paneŭropa movado. Post li referatis profesoro D-ro Jokl pri la ŝtatokrea potenco de la lingvo kaj deduktis el tio la gravecon de la Esperanto-lingvo, kiu devenas el diversaj eŭropaj lingvoj, por la Paneŭropa movado.

Direktoro Kronberger evoluis la organizacian planon de la Esperanto-Sekcio de Paneŭropa-Unio kaj voĉlegis la organizaciajn decidojn de la ĉefkomisio de la I-a Paneŭropo-Kongreso, kiuj estu, same kiel por ĉiuj aliaj Paneŭropaj organizacioj, la fundamento ankaŭ de la Esperanto-Sekcio.

La kunveno decidis, interkomuniki kun la Esperanto - asocioj en Europo kaj uzi Esperanton kiel korespondan lingvon.

La centro de la Esperanto-Sekcio de Paneŭropo-Unio (E. S. P. U.) estas en Wien, I, Hofburg. Aliĝojn kolektas en Belgujo: S-ro E. Urbach, 56, St. Jozefstraat, Antverpeno. Minimuma jarkotizo estas belg. fr. 20.—. Pliajn informojn volonte donos citita samideano al ĉiu petanto.

# BIBLIOGRAFIO.

ESPERANTO, Langue Auxiliaire Internationale, de Edmond Privat. Manuel pratique avec grammaire complète, exercices de conversation et double vocabulaire. Eldonejo: Atar, Genève, 116 paĝoj 12 × 18 cm. Prezo: nemontrita. — Gramatiko, kiu estas ankaŭ propagandilo, ĉar, kvankam tre simple aranĝita, ĝi estas kompleta. Tio estas kvalito pri kiu ne povas fieri ĉiuj el la lasttempe aperintaj «plenaj gramatikoj», kiuj pli multe bazas sur la malfacilaĵoj de la naciaj gramatikoj ol sur la klareco kaj simpleco de Esperanto.

DATOJ KAJ FAKTOJ PRI LA PACA MOVADO de Anna T. Nilsson. Eldonis la verkistino, Malmö, Svedio. 48 paĝoj 12 × 18 cm. Prezo: 1 sv. kr. Bela libreto, kiu enhavas plej interesajn detalojn pri la porpaca movado tra la tuta mondo. Ĝi estas valora dokumento historia.

WAT WIL DE WERELDHULPTAAL «ESPERANTO»? door Dreves Uitterdijk. 1926. Eldonis N. V. Ontwikkeling - Amsterdam. 16 paĝoj 14 × 19 cm. Prezo: Guld. 0.125. Dreves Uiterdijk, nia malnova pioniro en Nederlando pristudas en tiu-ĉi broŝuro la problemon de la internacia lingvo por la laboristoj.

HET ESPERANTO IN VIJF LESSEN MET OEFENINGEN EN SLEUTEL, door A. J. Witteryck. 0.40 fr. ĉe A. J. Witteryck, presisto, Steenbrugge bij Brugge. — La prezidanto de la Belga Ligo Esperantista, membro de la Lingva Komitato, estas malnova, tutmonde konata, bonega samideano. Lia kompetenteco pri nia lingvo estas tro konata por ke estu necese insisti pri ĝi; li ĝin montris en siaj antaŭaj lernolibroj, nome «L'Espéranto en cinq leçons», «Companion of the English Esperantist», «An Esperanto Conversationbook in 4languages» kaj la flandra traduko de «Esperanto en 10 lecionoj». La nova broŝureto 32-paĝa estas la flandra traduko de la unue citita verketo kaj ĝin karakterizas la samaj bonegaj kvalitoj koncerne fundamenteco, korekteco, klareco. Ĝi estas do ege rekomendında por ĉiuj flandranoj dezirantaj ekkoni nian lingvon.

L. COGEN.

---